# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj**

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

https://translate.google.com/

**PLENUMITA 21/07/2016 Ducentsepdeknaŭa eldono 21/07/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**



**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Marcel Leereveld**



**SENDATA AL 305.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Estas pli ol **463,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

# Daŭrigo de "Kio estas aglutinado?".



Dum novaj vortoj estas ofte kreataj per tiu metodo en etnaj lingvoj tiaj, kaj bedaŭrinde malpli en Esperanto, ekzistas aliaj metodoj por krei novajn vortojn, en Esperanto kaj la etnaj. Ekzemple por tablotuko oni povus krei, el nenio, la vorton "soplo", aŭ por la angla vorto tablecloth oni povus krei, ree el nenio, la vorton "solly". Kelkfoje oni kreas novan vorton uzante la sonon ligitan al la signifo de la nova vorto, kiel "susuri". Kelkfoje oni uzas jam ekzistantan vorton kaj donas al ĝi novan aŭ ekstran signifon, kiel en la angla to pollute kaj gay kaj cool. Tion oni kompreneble ne povas fari en Esperanto. Sed plejofte oni simple uzas vorton de fremda lingvo, eĉ kelkfoje kun alia signifo. Tiajn vortojn oni nomas fremdaj vortoj, aŭ en Esperanto neologismoj.

La precipaj lingvoj, el kiuj oni prenas vortojn por novaj nocioj, estas Latino kaj la malnovgreka, la franca, kaj, speciale nuntempe, la angla. Tio estas pli facila ol krei vorton per siaj propraj vortoj. Tamen la angla mem kreadas novajn vortojn precipe per sia propra vortstoko, pli ol Esperanto. La problemo de Esperanto estas, ke ĝiaj verkistoj povscias sian lingvon Esperanto multe malpli bone ol la anglaj sian, kaj do trovas malfacila krei novajn vortojn per kunmetado de jam ekzistantaj vortoj Esperantaj. Nia lingvo do pli rapide ŝanĝiĝas ol ekzemple la angla kaj la germana, speciale ĉar multaj malbonaj verkistoj Esperantaj ne nur "pruntas" fremdajn vortojn por novaj nocioj, sed ankaŭ por anstataŭi jam ekzistantajn, kiel ekz. "trista" por "malĝoja".

Pro tiu nuntempa fremdiĝo de Esperanto kreatis movado de Esperantistoj, kiuj provas halti tiun disvolviĝon kaj krei propre Esperantajn alternativojn por la amaso da jam uzataj sed nebezonataj neologismoj el fremdaj lingvoj. Ili laboras pri tio per la interreta kanalo nomita "la bona lingvo". Se vin timigas tiu angliĝo de Esperanto (kiel ĝi timigas min kaj aliajn), helpu ilin kaj kunlaboru kun ili.

La precipaj avantaĝoj de la vortkreado per aglutina kunmetado super la uzado de fremdaj vortoj estas jenaj: unue oni ne bezonas lerni novajn vortojn, ĉar la vortaro ne pligrandiĝas. Due la lingvo aspektas kaj estas malpli eŭropeca. Trie la signifo de la kunmetita vorto estas pli

rapide komprenebla, ĉar oni jam scias la signifojn de la partoj. Kvare teorie kaj ofte praktike la lernantoj rekreas la lingvon dum ili ĝin lernas. Kvine la neologismoj el fremdaj lingvoj ofte havas en tiuj lingvoj du aŭ pli da malsamaj signifoj, kio povas konfuzi la Esperantistojn. Kaj sese la Esperantistoj povas esti pli fieraj de sia unika lingvo anstataŭ akcepti ĝin kiel miksaĵon de francaj kaj anglaj vortoj en basic french aŭ basic english, kaj montri Esperanton kapabla de sia propra arĥitekturo kaj de sia propra karaktero. Kaj fine tiu aglutinado estis la deziro de Zamenhof.

Marcel Leereveld.








Kara Roger, https://www.youtube.com/watch?v=nyv4iWcH9ps Amike, Nicole Else



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

La klubo kunvenis Sabaton 16an Julio. Venis Roger, John, Eunice, Chris, Steven, Mei kaj Jano. Kiel kutime la kunveno estis bona. Roger Springer

Eĉ malgranda raporto suficas por reklami vian klubon kaj montru ke ĝi ekzistas.
Sendu raportojn al AE pri via klubo rogerspringer@tpg.com.au

# Unu problemo post la alia, ĉu ne?



Kalifornio, Francio kaj Germanio kaj nur Dio scias kiom da aliaj nacioj, landoj kaj ŝtatoj nun baraktas kun tiu sama problemo. Kaj mi ŝatus iomete interparoli kun nia kara Majstro Zamenhof pri tiu granda kaj vasta problemo.

Mi bone memoras, ke Zamenhof tre laŭte diris, ke en Esperanto estu nur unu vorto por ĉiu signifo. Kaj nur unu litero por ĉiu sono. Tiu lasta ordono estas por mi iome malfacile obeebla, kvankam mi ĉiam provas. Mi esperas, ke ankaŭ vi provas.

Ni do provu. Prenu Plenan Ilustritan Vortaron de Esperanto kun Suplemento. Mi preskaŭ certe certas ke ankaŭ vi ĝin havas. La Sanktan Biblion de la esperantistoj, ĉu ne? Ni rigardu en ĝi. Unue ni rigardu ”francio”. Kio estas “francio”? Jen la respondo: “Francio estas “Elemento, atomnumero 87, atompezo 223.

Kaj jen, kio en la mondo estas “germanio”? Laŭ la Esperantista Biblio “germanio” estas: “Elemento, malofta metalo, atomnumero 32, atompezo 72,6, Ge ( = germaniumo): germania

*klorido,* $GeCl_4$; *aŭ* $GeCl_2$*; germaniaj kombinaĵoj.* Germaniato. Salo de la germaniata acido, $H_2GeO_3$.

Kaj nun ni provu alian ŝtaton, ĉi-foje" Kalifornion". Kio en la mondo estas "kalifornio"? Laŭ la Sankta Biblio de la "Akademio de Esperanto", "kalifornio" estas; "transurania elemento, kun atomnumero 98, atompezo 246, Cf.

Oni vivas kaj lernas ion novan ĉiun tagon, ĉu ne? Escepte de mi, mi nenion lernis. Tio ĉi estas tute konfuza kaj nekomprenebla al mi. Mi lernis ne multon en la lernejo, mi devis forlasi la lernejon por lerni kiel enspezi monon laŭ honesta maniero, tial mi neniam havis monon! Sed mi certe ne lernis, ke se la ora regulo estas, ke estu en la belega, internacia kaj neŭtrala lingvo, facile lernebla, nur unu vorto por ĉiu signifo, kial la "Akademio" povus permesi ion tiom nekompreneblan.

Kaj, kiom da aliaj landoj kaj ŝtatoj estas nun devigataj dividi sian nomon kun "aero", "fajro", "akvo" kaj "tero" ? Mi certe ne scias. Ĉu tiuj, kiuj elektis tiujn nomojn nun hontas, aŭ ĉu ili fieras pro sia klereco? Mi mem persone ne scias, kaj ankaŭ ne komprenas. Feliĉe mi ne estas klera. Mi do ne komprenas kaj neniu atendas de mi kleran respondon aŭ klarigon. Sed se mi rajtas esprimi opinion pri tiu ĉi gravega problemo, mi povas ja diri nur, ke plaĉus al mi, se oni ek de la komenco de la ekzisto de tiu nia t.n. kara lingvo, estus provinta teni ĝin pura kaj facile lernebla !!! Tre baldaŭ mi parolos kun Zamenhof. Plaĉus al mi ke Esperanto restu tia, kian li volis kaj deziris !

Ekz. Iu deziras vojaĝi kaj ferii en Germanujo. Li rigardas en PIV por legi pri Germanujo. Kion li trovos: Ke Germanio estas malofta metalo. Treege sciinda novaĵo por baldaŭa turisto en Germanujo, ĉu ne? Mi supozas ke tiaj miskomprenoj neniam okazus, se oni ne estus permesantaj uzi la finaĵon "io" ankaŭ al la eĉ treege belega lando Germanujo. Kaj tio sama aplikeblas kompreneble ankaŭ al Francujo kaj multaj aliaj landoj. Ĉu neniu samopinias kun mi?

Bob Felby

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

Kara Roger, **Jen nova kurso ĉe lernu.net** 26 lecionoj

http://lernu.net/en/kurso/nakamura Amike, Nicole

